# PENSEO

**N-ro 322**

**aŭg. / 2018**

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**

**Honorita de Premio Grabowski,1994**

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 29-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Paulo Silas (Brazilo)



### Okazas

Trans la universo, io ekzistas.
Sed la universo okazas:
grandioza amaso da lumaj punktoj.
Ekzistas punkto, kiu nomiĝas Lakta Vojo.
Sed la sunsistemo okazas:
ege liĝiĝo inter buloj rondirantaj lumon.
La Tero ekzistas de multe da tempo.
Sed la homo okazis kaj okazas provizore:
moviĝanta materio kiu pompas pro eta mola
pasto,
ene de dura strukturo,
kiu ekzistas kiel kranio.
Sed la pensoj, la rezono, la kompreno, la
interpretoj
okazas kaze de cirkonstancoj.
Kio okazos al la ekzistanta esto,
ekzistanta homaro,
kiam ĉio estos resto de nebula pasinteco?

*2016-02-01*

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Hastema

Ja, mi hastas pli ol tempo.
Kia stultaĵ'! — oni diros.
Sed mi volas esti river',
kiu kuraĝe pluiras,
feliĉa, ĉirkaŭfluante
trompajn ŝtonojn de la vojo.

Kaj dum la vana kurado,
la horloĝo min transpasas...
Tiam ostaĝ' de laceco
por irigi min, freneza,
mi provas verki poemon,
sed ankoraŭ mi fiaskas.



*Juiz de Fora, 13/06/2018.*

### Simpleco

La poeto paŝtas sungutojn
en ĉi vintra mateno,
kaj pelas ribelemajn ideojn
sentojn serĉantajn.

Tiam lin surprizas Dio
per la nobleco de etetaj
floretoj blankaj,
kiuj ornamas la polvon
indiferentan de l' forlasita
trotuaro.

*Juiz de Fora, 23/06/2018.*

### Interludo

Blov' el silent',
nubmuziko;
anim' ĝojplena

kvietiĝas.

*Juiz de Fora, 19/06/2018.*

## Tiberio Madonna (Italujo)



### SOMERO EN LA KAMPOJ

La radioj de l’ suno
kunplektiĝas
formante spikojn orajn
kiuj vestas la kampojn
per lumo.

Kaj la birdotimigilo
bronzita de la horoj
elmontras fiera sian larĝan jakon
remburitan per pajlo
kaj per pacienco.

Unu nubo nur
ĉirkaŭvagadas tra l’ bluaĵo
serĉante malvarmeton,
sed de ombro refreŝiganta
eĉ ne l’ ombro.

La ruĝo de l’ papavoj
kaj la lazur’ de l’ cejanoj
inunditaj
de l’ oro de l’ tritiko
aperas ĉi kaj tie
konfuzitaj.

Du flugiloj de papilio
kun zigzaga iro
estas la nura elemento
moviĝanta
de l’ pejzaĝo langvora.

La torpora silento
en la temp’ de la siesto
estas rompata nur
de la kantado
alterna
de du cikadoj.



## Christian Cimpa (Aŭstrio)



### Enlumas min senrimo

Estas mia mens’ tro eta
por la nobla viv’ poeta.
Mankas konoj kaj komprenoj!
El la fraz- kaj vort-fadenoj
formas mi nur lame trikon,
mistraktante la metrikon,
maltrovante muzajn rimojn.
Merd’! Mi rompas ĉiujn limojn
de l’ verkista malkapablo.
Inkmakul’ sur inkunablo
ĝenas, tamen pli efikan
malagrablon estetikan
mi produktas per poemo.
Nun, mi faras ne pro emo,
pli pro vi! Mi nur fuŝegas,
sed vi ja … la fuŝon legas.

### La olda raso

William Oldo versparolis
kaj aliaj kredi volis,
ke la homo estas raso
de – laŭ li – infana klaso.
Diris li: La mankoj multas,
la homar’ esence stultas,
ĝi malŝatas kaj mensogas,
la malbonon ĝi allogas,
ĝi kruelas kaj tiranas.
– Sed ĉu tiel ĝi infanas?
Ne! Infanoj hele ridas,
ili ĉie ĝojon vidas!

Ili vivas en libero,
en la atmosfer' de l' vero,
ili trompe ne mienas,
kaj plej bone sin komprenas
dank' al sento por l' esencoj.
Tre malgravas diferencoj
en infana societo.
Mi aliras vin per veto,
ke l' afero tie kernas:
La stultecon oni lernas!
Ke per fidoj nin perfidoj
ŝanĝas, ĝis el homaridoj
delikataj – ras' infana –
iĝas io ne plu sana,
io funde eĉ groteska:
ĉiasence ras' tro kreska!

## Papos Nascentes (Brazilo)

Trezoro

Ju pli haŭton mi fosas
despli surfacon malkovras:
en l'abismon de la psiko mi volas navigi

en kolerajn marojn povas la Self' ripozi
nedireblo min rakontas
konsistas
dum haŭton mi elfosos
la trezoro de l' Mi' Mem
hazarde ridetos
enigme.

## Wally du Temple (Kanado)

Rulŝtuparo

Viro paŝas supren per erar'
Sur suben ira rulŝtupar'
Kap' kaj nuk' kurbe pendas,
Ĝibulo li ja ŝajnas
Li tutcerte ja ostaĝ'
De osteoporoza aĝ'
Okuloj fikse rigardantaj
Al portantaj palmoj siaj,
Fingroj fringrumante je impet'
Ĉe etekrana komputilet'.
Apudiĝas korpoj niaj
Li paŝas tutsenmove.
Mi staras rulŝtupmove.
Sed supoz' eraro mia
Li nek emerito nek hermit'
Ne febla korp' de kripligit'
Kaŝiĝis junulo en kaduka form'
Bebmolan haŭton ne tuŝis ŝtorm'
Senkonscia li pri ĉirkaŭaĵ'
Ĉar perilo sola la mesaĝ'
Ĉu paŝrada gerbila saĝ' ?

&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&&

## Mori (Usono)

AFORISMe(34)

Kiam vi kaptas
la kornon de la bovo
tiam vi ekscias
pri via reala povo.

***

Jen demano
por saĝa persono ;
Ĉu vivi stulte
kiel azeno,
aŭ malnoble
kiel hieno,
aŭ digne kiel leono?

***

Grandas la diferenco
Inter grandanimaj riĉuloj
kaj etmensaj Riĉ-Nuloj.

***

Riĉ-Nulo
estas tiu riĉa ulo
kies valor' sen mono
estas Nulo,

***

Silento de amiko
Pri malamika piko
tiel doloras kiel
piko de malamiko.

***

Silento de
paŝtista hundo
dum la atako de lupo
estas nepre
perfido kaj kulpo.

***

Jen tre grava
sed malfacila tasko
vivu la vivon
laŭeble sen masko.

***

Vivu la vivon
laŭ la volo
de via koro,
ne laŭ tiu de
l' popolo.

***

Kiam
tre mallumas
sunleviĝo proksimas.

***

Se pri la mondaj aferoj
decidus grandanimaj homoj
homaro kune vivus
sen gravaj problemoj.

***

Ne gravas la aferoj
sur politika sceno
sed gravas tiuj
malantaŭ la kurteno.

***

Malsata homo
kondutas kiel lupo
sen sento de kulpo.

***

Homaro konsistas
el tiuj, kiuj
afable zorgas
pri aliaj uloj
kaj egoistoj kiuj vivas
samkiel kuloj.

***

Homo liberas
en la naturo,
kaj mallieras en l' kaĝo
de sia propra kulturo.

***

Dio estas Universo
kaj la tuta senlima universo
estas unu-dio-verso.

***

Kie neniu estas
tro riĉa
kaj neniu homo
estas malriĉa
tie ĉiu homo
estas feliĉa.

***

Sen via gardhundo
ne sidu ĉe la tablo
de ruza Mulaho
kaj Diablo.

***

Estu singarda
kontraŭ skorpio
kaj Mullaho
kiu kaŝas sin
malantaŭ Dio.

***

Mulaho
promesas Paradizon
kaj parolas pri
la sankta vero
sed kreas Inferon
Sur la tero.

***

Komunaj kunlaboroj
necesas
por komunaj problemoj
kaj doloroj.

***

Inter animaloj
en la ĝangalo
homo estas konata
kiel ruza animalo.

***

Grandanimaj riĉuloj
kreas prosperon
la ceteraj Riĉ-Nuloj
kreas mizeron.

***

Homo sen homa moralo
Pli malaltas ol animalo.

***

Tiu, kiu murdas
nome de Moralo
estasla plej sovaĝa
animalo.

***

Tiu vivas plej prudente
kiu ĉion faras
ĝusta-momente.

***

Jen la diferenco
inter malriĉulo
kaj Riĉ-Nulo;
la unua laboras
kiel mulo
la dua vivas
kiel kulo.

***

Civilizita homo
ne estas tiu, kiu
dancas en dancohaloj
sed tiu, kiu estas
kontraŭ maljusto,
mizer' kaj bataloj.

***

En juĝejo
ŝafo egalas al lupo
temen la verdikto ĉiam estas;
lupo estas sen kulpo.

***

Via opinio
pri alia ulo
estas via spegulo.

***

Ĉam kaj ĉie ekzistas
sufiĉe da kanajloj
kaj idiotoj
kiuj subtenas despotojn
kontraŭ bonaj patriotoj.

***

Homo
kun alta moralo
ne voĉdonas
por batalo.

***

Suferoj de
milito kaj mizero
estasla plej grandaj
sur la tero.

&&&&&&&&&&

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)

La vento pelas
longkruran fraŭlinon.
Fajrego pro l' am'.

❈

Plaĝo. Knabinoj.
Petolemaj hararoj.
Sablo aromas.

❈

Pulsada en mi
radioj de pasinta am'.
Tapiŝ' uzita.

❈

La luno teksas
niajn pekecajn noktojn.
Dolĉaj memoroj.

## Joakimo Ringelnac

# Aventuristo

„Kien aventurist', vi'?“

Transversen aldanĝere,
al sonĝ' pasinta Tere
mil jarojn, kaj en mi.

Mi drivu iel ie,
en mondoj videblaj al fremdul'.
Mi volas gajni, kapti ĉie
alion en vivmalregul'.

Ja transas ĉiam feliĉ'.
Min logas fora trembrilo,
min logas flustra sibilo
al eblo nebula en niĉ'.

Antaŭan de l' posedo,
sciatan ĝis ĉi hor',
mi perdu post cedo.
Vojaĝas mi tra mia propra kor'.

# En la parko

Ĉe eta arbet' staris kapreolet'
en reva beat' en kviet',
je l' dudektria kaj du.
Je la kvara post fest'
mi revenis je l' fru'.

Jen plu revis starante la best'.
Mallaŭte mi iris — sen spir' kun diskret' —
kontraŭ la vent' ĉe l' arbet'.
Mi tuŝis la beston scivole pri l' fiks'.
Kaj ĝi estis el gips'.

*Tradukis*



**Hans-Georg Kaiser (Germanujo)**

## Cheng Hao (1032 - 1085)



### Improvizaĵo pri printempa tago

La brizo kaj nubetoj min ravas ĝistagmeze,
Promenas inter floroj mi laŭ river' kompleze.
Ĉi homoj mian ĝojon elkoran ne komprenas,
Prenante min por bubo vaganta tre ekscese.

## Zhu Xi (1130 – 1200)



### Printempa tago

Ekskursas mildan tagon mi borde de Sishui*,
Senlime pitoreskaj pejzaĝoj novas ĉi.
Facile ja sentiĝas karesa vent' eosta,
Printempo milnuanca paradas per magi'.

*Sishui*: nomo de rivero meze de la provinco Shandong.*

Elĉinigis



**Minosun (Ĉinujo)**

## Ilir Zhiti



### Nur momenteto

Nur momenteto,
nur momenteto,
limigas nenion,
disde miraklo.

Nur momenteto,
nur momenteto,
donas nin abismon,
aŭ feliĉecon.

Nur momenteto,
nur momenteto,
dividas iluzion,
disde la vero.

Nur momenteto,
nur momenteto,
disigas morton,
disde la vivo.

Nur momenteto,
nur momenteto,
dividas militon,
disde la paco.

Nur momenteton,
nur momenteton,
distancas perdo,
disde la profito.

Nur momenteto,
nur momenteto,
dividas sukceson,
disde simpla revo.

Nur momenteto,
nur momenteto,
estos ni pro
momenteto viktimo

*Tirana, julie, 2017*

### Vojaĝo per vespera trajno

Skuiĝas ni pro trajna balancado
kaj sentigxas vespera spirado
dum oni rigardas en senfinaj
agrokampoj
kiel laboras ankoraŭ virinoj.

Pro ilia peza laboro
mem naturo ofendiĝas
pro ilia vizaĝo nostalgias

eĉ la forlasita spegulo.

Ke ili bezonas ripozu
Ĉu oni forgesis
ke inoj krom laboro bezonu
iom da tempo por sin beligi.

Enhavante virinan penon
eĉ plej bela pejzaĝo enmonde
perdas sian brilon, ĉiun valoron
kaj vana iĝas tio sence.

Aŭdi ĉirkaŭen ie ajn
kia tristeco kaj humilo en vivo estas
ke pezan laboron en agrikulturo
Ja virinoj kaj virbovoj faras.

Longajn paroladojn kompilas
la regantoj en la ĉefurbo
pri emancipiĝo kaj virinoj
dum iliaj edzinoj en vera lukso vivas!

*Lushnjë, julie 1985*

*Esperantigis*



**Bardhyl Selimi (Albanio)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO DEKKVARA

# La movoj de la ĉielo

### §14-04

Kiam Konfuceo vojaĝis okcidenten al la regno Wei, Yan Hui, unu el liaj disĉiploj, demandis la majstron Jin, dirante:

“Kion vi pensas pri la vojaĝo de mia majstro al la regno Wei?”

“Ho ve!” diris Jin. “Via majstro falos en malfeliĉon!”

“Kial?” demandis Yan Hui.

“Antaŭ ol la pajlohundo estas oferata ĉe la ofera ceremonio, ĝi estas tenata en kesto aŭ korbo envolvita en kolore brodita tuko. Dume la ŝajniganto de la mortinto kaj la plenumanto de la oferado sin purigas kaj faras faston antaŭ ol ĝi estas prezentita kiel oferaĵo. Post la oferado ĝi tamen estas forĵetita, kaj preterpasantoj tretas ĝian kapon aŭ dorson per la piedoj, kaj herbokolektanto levas ĝin kiel brulaĵon. Se iu prenas ĝin, metas ĝin denove en keston aŭ korbon envolvitan en kolore brodita tuko kaj portas ĝin kun si la tutajn tagojn, ĉu promenante, ĉu restante hejme, ĉu kuŝante por dormo, li certe havos premsonĝojn aŭ deliriĝos de teruro.

“Nun via majstro estas preta levpreni la pajlohundon uzitan de la antikvaj suverenoj kaj kolekti siajn disĉiplojn por porti ĝin kun si, ĉu promenante, ĉu restante hejme, ĉu kuŝante por dormo. Jen kial en la regno Song la arbo, sub kiu li donis siajn prelegojn, estis dehakita; kial li iam estis elpelita el la regno Wei; kaj kial li estis alpremita al la mizerego en la landoj Shang kaj Zhou. Ĉu tiuj ĉi ne estas liaj premsonĝoj? Kiam li estis sieĝita inter la regno Chen kaj la regno Cai dum sep tagoj kaj noktoj, li havis nenion por manĝi kaj sin trovis preskaŭ ĉe la rando de la morto. Ĉu tiuj ĉi ne estas veraj teruraj sonĝoj?

“Por veturi per akva vojo, nenio estas pli bona ol ŝipo; por vojaĝi per tera vojo nenio estas pli bona ol ĉaro. La ŝipo povas veli sur la akvo, sed, se oni puŝas ĝin sur la tero, oni neniel antaŭenigos ĝin je longa distanco dum sia tuta vivdaŭro. Ĉu la antikveco kaj la nuntempo ne estas kompareblaj kun la akvo kaj la tero, kaj la dinastio Zhou kaj la regno Lu ne kun la ŝipo kaj la ĉaro? Se via majstro deziras apliki la principojn de la dinastio Zhou al la nuna regno Lu, tio estas kiel voli vojaĝi per ŝipo puŝata sur la tero. Li vane penegos kaj mem iros al katastrofo. Ĉio tio estos ŝuldata al tio, ke li ne konas la nekonstantecon de la tradicio, kaj ke li ne scias, ke oni devas sin adapti al la ĉiam ŝanĝiĝanta

mondo, por eviti katastrofojn.

“Ĉu vi ne vidis la baskulan putakvo-levilon? Kiam vi ektiras ĝin, ĝi malleviĝas; kiam vi maltenas ĝin, ĝi leviĝas. Ĉar ĝi estas tirata de la homo kaj ne tiras la homon, ĝi ofendas neniun, tute egale ĉu ĝi malleviĝas aŭ leviĝas. Tial la valoro de la ritoj kaj la leĝoj starigitaj de la tri suverenoj kaj la kvin imperiestroj kuŝis ne en tio, ke ili estis similaj inter si, sed en tio, ke ili alportis bonan ordon kaj pacon al la mondo. Tial ili povas esti komparataj kun la kratagoj, piroj, oranĝoj kaj pampelmusoj, kiuj havas malsamajn gustojn, sed ĉiuj estas egale bongustaj. Same kiel ili, la ritoj kaj la leĝoj varias laŭ la tempoj.

“Nun, se vi kaptas unu simion kaj vestas ĝin per la robo de la Duko de Zhou, ĝi certe sentos sin malkomforte kaj mordos kaj ŝiros ĝin en pecojn. Laŭ mi la diferenco inter la antikveco kaj la nuntempo estas kiel tiu inter la simio kaj la Duko de Zhou.

“Iam la fama belulino Xishi, eksentante doloron ĉe la korkavo pro malsano, kuntiris siajn brovojn en la ĉeesto de siaj najbaroj. Iu malbela najbarino en ŝia vilaĝo trovis tion tre bela kaj, reveninte hejmen, provis ŝin imiti. Ŝi ĉiam kuntiris la brovojn kun la mano metita sur sia korkavo. Rezulte de tio, la riĉaj najbaroj, ekvidinte ŝin, solide fermis la pordon kaj restis hejme, kaj la malriĉaj, ekvidinte ŝin, forkuris de ŝi kun siaj familianoj. Ŝi sciis, ke la brovkuntiro de Xishi estas bela, sed ne sciis, kial ĝi estas bela. Ho ve! Via majstro falos en malfeliĉon!”

## §14-05

En la aĝo de kvindek unu jaroj Konfuceo ankoraŭ ne ellernis la Taŭon. Li vojaĝis suden al la urbo Pei por viziti Laŭzi.

“Jen vi venas?” diris Laŭzi. “Mi aŭdis, ke vi estas saĝulo en la nordo. Ĉu vi jam atingis la Taŭon?”

“Ankoraŭ ne,” respondis Konfuceo.

“En kia maniero do vi serĉis ĝin?” demandis Laŭzi.

“Mi ĝin serĉis,” respondis Konfuceo, “per la studo de regularoj kaj leĝaj artikoloj. Kvin jaroj pasis, sed mi ĝin ankoraŭ ne trovis.”

“En kiu alia maniero do vi ĝin serĉis?” demandis Laŭzi.

“Poste,” respondis Konfuceo, “mi serĉis ĝin per la studo de la jino kaj la jango. Dek du jaroj pasis, sed mi ankoraŭ ne ĝin atingis.”

“Povas esti tiel. Se la Taŭo povus esti prezentata kiel donaco, ĉiu oferus ĝin al la reĝo; se la Taŭo povus esti donacita, ĉiu donacus ĝin al siaj gepatroj; se la Taŭo povus esti komunikata, ĉiu komunikus ĝin al siaj fratoj; se la Taŭo povus esti transdonita, ĉiu transdonus ĝin al siaj posteuloj. Sed ĉio ĉi tio estas neebla kaj jen la kaŭzo: se homoj ne estas pretaj akcepti la Taŭon, ĝi ne estas kun ili; se homoj ne dece kondutas, ĝi ne povas esti praktikata. Se tio, kio venas el interne, ne estas akceptita ekstere, la saĝulo ne rivelos ĝin; se tio, kio venas el ekstere, ne estas akceptita interne, la saĝulo ne tenos ĝin en la koro.

“La famo estas kiel publika vazo, el kiu oni ne devas preni tro multe. La humaneco kaj la justeco estas kiel provizoraj restadejoj de la antikvaj suverenoj, en kiuj oni ne devas loĝi pli ol unu nokton. Pli longa restado provokos multe da riproĉoj.

“La perfektaj homoj en la antikveco prenis la humanecon kiel portempan agmanieron kaj uzis la justecon kiel portempan loĝejon, sekve ili povis vojaĝi en la mondo de absoluta libereco. Ili nutris sin per neintensa terkulturado kaj vivis memsufiĉan vivon. Tiuj, kiuj vivas absolute libere, estas en senagado; tiuj, kiuj nutras sin per neintensa terkulturado, estas facile kontentigitaj; tiuj, kiuj vivas memsufiĉan vivon, donas nenion kaj prenas nenion. La antikvuloj konsideris tiujn kiel vojaĝantojn por serĉi la veran naturon.”

“Tiuj, kiuj rigardas kiel pravigeblan celon la akiron de la riĉaĵoj, ne forlasas sian salajron; tiuj, kiuj rigardas kiel pravigeblan celon la ĉasadon de la reputacio, ne forlasas sian bonan famon; tiuj, kiuj sin alkroĉas al la potenco, rifuzas forlasi sian pozicion. Kiam ili tenas tiujn ĉi aferojn en siaj manoj, ili vivas en maltrankvilo kaj timo; post kiam ili perdis tiujn ĉi aferojn, ili vivas en malĝojo kaj ĉagreno. Havante nenian koncepton pri eventuala katastrofa sekvo, ili fiksas sian rigardon sur tio, kion ili senĉese ĉasas. Ili ja meritas esti kondamnitaj de la ĉielo. Malpardonemo kaj dankemo, dono kaj preno, konsilo kaj instruo, vivo kaj morto — tiuj ĉi ok estas la instrumentoj de la regado. Nur tiuj, kiuj sekvas la evoluon de la mondo

kaj senĉese sin adaptas al la ŝanĝiĝado de la vivo, povas bone utiligi ilin. Tial, kiel estas dirite, 'Nur tiuj, kiuj estas korektitaj, povas korekti aliajn.' Troviĝas nenia pordo de la ĉielo malfermita al tiuj, kiuj ne kredas tion ĉi."

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Sentitole

—laŭ ĉinesko sopir-al-sudo*

Soife
ŝi vortojn sorbas
viajn. Neforgeseblaj.
La hararon ŝi tondas
se al vi plaĉas.

Tre longe
kunvivadis ni.
Zorgeme flegas unu
la alian. Kredas vi
en homaro ĉi.

Amikec'
samkiel aer'
bezonata al homoj
akvo al rozoj kaj ter'.
Amo vera ver'.

Pacigi
homojn eblas, ĉu?
Diversmaniere. Jes.
Glavojn ne krucigu plu.
Militojn haltu.

Parolu,
interkonsentu,
protektu la popolon,
ĉiam kaj ĉie. Sentu
amon. Ne pentu!

### Sentitole

—laŭ ĉinesko sopir-al-sudo*

Griziĝas
ĉiel'. Fulmetoj
el malproksimo tondre
eĥas. Kurtaj pluvetoj
antaŭ ŝtormetoj.

Kverado
de turtoj milde
niajn korojn influas.
Fulmoj kvazaŭ surbilde
ekas rapide.

Depost pluv'
videblas klara,
multkolora ĉielark'.
Koncerto birdara ĉe
Petro kaj Mara.

Subbrake
ŝi tenas forte
lin. Ridanta mieno
ampromeso senvorte.
Certe, ĝismorte.

.

Odoras
freŝe naturo.
Ne plu soifas tero.
Brilas verda valmuro
de Rtanj** turo.

***Rtanj -montego troviĝanta en la orienta parto de Serbio de kie videblas duono de Serbio*

## Al kara Saliko

—laŭ ĉinesko sopir-al-sudo*

Gajigas
mian koron vi.
Letera interŝanĝo.
Malproksime loĝas vi.
Mia kara, ci.

Mi skribis
pli detale pri
ĉiutaga vivo, pri
mialanda histori'.
Vi pri famili'.

Leteroj
flugas al via
unika, fabela urb',
de suda lando, mia,
kara Serbia.

Malbela
temp'. Mizera. Fi
lando bombado. Sekvis
suferoj. Animoj pli
ne plu elteni.

Via ec',
Homa egalec',
profunde en mi restis.
Solidara amikec'...
Vivu humanec'!

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Li Yu (937-978)



## Nostalgio

— Laŭ ĉinesko *Xiangjianhuan**

Mute surturen un'.
L' arka lun'.
Sola l'omok' en kort' sub aŭtun'.

Nostalgi',
en seri':
la kor' nun
sentas, malorde, guston iun.

Noto: La vorto 'omoko' (de la korea lingvo, el ĉina origino) signifas altan kaj valoran arbon de *Firmiana platanifolia* (ekz. sterkulio) aŭ foje ankaŭ de *Paulownia fortunei* (paŭlivnio), sur kiuj ofte sidas fenikso (la plej bela kaj nobla birdo).

**Xiangjianhuan: unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj de tri kaj kvar versoj respektive el 6, 3, 9; / 3, 3; 3, 9 silaboj, laŭ rimaranĝo aaa,bb,aa*

## Pluvado

— Laŭ melodio *Langtaosha*

(Verskadro: 5a|4a|7a|7b/4a||5a|4a|7a|7c/4a|)

Pluvas ekster kurten' lirlante,
primavero fadante.
Peplom' ne blokas nokt-finan fridon
tra-vande;
dum mi, ne konante min kiel fremdulon nur,
ĝojis tempe sonĝante.

Kial sole staras verande
mi sen vido translande?
Tio facile foriras, ne revenante.
Pasas printemp' kun falintaj floroj en la flu'
ĝis nenien mondrande.

(Tradukita sub-ĉineske, per silabeco 1:1.5.)

## Hela Luno

— Laŭ melodio *Yumeiren*

(Verskadro: 7a|5a|7b|9b||7c|5c|7d|9d|)

Printempaj floroj kaj l' aŭtuna lun', senfine:
Kiom da aferoj pasinte!!
Preter l' dom' lastnokte l' eosta vent'
revenas;
Sub la lun' repensi pri l' propra land' mi ne

eltenas.

Restus kun jad' kaj orkideoj l' konstruaĵo;
Ŝanĝiĝas nur l' ruĝa vizaĝo.
Vi ne povas suferi: do, kiom da malĝoj'?—
Kvazaŭ fluadanta al la maro l' primavera
roj'!

(Traduko farita sub-ĉineske, per silabeco S×2−1[S=sinogramoj]; tamen la fina verso 9-sinograma en ambaŭ strofoj ne estu 9×2−1=17, sed estu nur 15 silaboj—jam la maksimuma longeco de verso!)

*Tradukis*



**Licius (Ĉinujo)**

## Aleksandr Starostin

# Kino

En mia infaneco kino estis granda evento. Novaĵo pri tio, ke estos kino, disvastiĝis kun tia rapido, kun kia kuris knaboj en nia vilaĝo en Moskva regiono. Tiu evento devigis min saltante pro ĝojo kuregi al plej proksima najbaro Vovka.

– Vovka! Vovka! – mi kriis.

Vovka elŝovis sin el fenestro.

– Hodiaŭ estos kino! – mi informis.

Kapo de Vovka malaperis. Li loĝis en multeloĝeja domo, kaj mi sciis, ke post dek sekundoj ĉiuj loĝantoj de la domo ekscios pri tiu novaĵo. Mi estis fiera pro tio, ke mi estas unua, kiu informis pri kino. Poste mi iris al hejmo. Mi devis montri al gepatroj mian bonan konduton. Afero estis en tio, ke mi plej multe ŝatis promeni. Ĉiu tago okazis tia dialogo:

– Panjo, ĉu vi permesas al mi promeni?

– Mia Dio! Kiam promenoj tedos al vi? Iru, sed promenu ne longe.

Mi startegis kaj kuris al amikoj. Mi promenis pasie, plene ne observis tempon. Oni povis rompi mian promenon nur per helpo de forto. Tial, kiam venis krepusko, panjo serĉis min laŭ vilaĝo. En dekstra mano ŝi tenis ion, kio similis ledzonon. Kun granda malplezuro mi devis reveni hejmen.

Sed nun tia frua apero tuj ekscitis suspekton, kaj panjo demandis:

– Kien vi volas iri?

– Panjo, donu monon, hodiaŭ estos kino.

Estas mirinde, sed panjo neniam rifuzis. Ŝi nur parolis, ke mi ne iru reen sole sed kun amikoj.

Klubejo, en kiu oni montris filmojn, estis sufiĉe malproksime. Oni devis trairi tutan vilaĝon kaj transiri fervoja linio Moskvo-Savjolovo trans subtera transirejo, kiun oni ial nomis "tubeton". Tiu transirejo estis ne sendanĝera. En ĝi oni povis rabi. Ankaŭ ĝi ĉiam estis malhela, kvankam oni tie pendigis lampetojn, la aliaj rompis ilin. Sur mala flanko de la linio estis brika uzino, kaj tie loĝis laŭ diro de mia patrino "huligana-bandita loĝantaro", kun kiu ni konstante pugnobatalis. Sed en tago, kiam oni montris filmon, aŭtomate aranĝiĝis militpaŭzo. Ĉiuj spektantoj venis antaŭ du horo antaŭ komenco de prezento kaj lokiĝis apud la klubejo tiel, por ke ili povu vidi proceson de preparo al montro de filmo. Informo venis kun reguleco kaj precizeco de militaj resumoj. Mi ne komprenas kiel, sed ajna novaĵo tuj iĝis konata por ĉiuj kaj peneme priparoliĝis – kiu hodiaŭ estos filmo: aŭ kvara seriero de "Tarzan", aŭ "Puna placeto". Klariĝis, ke estos "Tarzan" el dek du partoj, sed oni alveturigis nur ok partojn, pro la ceteraj aŭto jam veturis. El okaj partoj oni ankoraŭ ne revolvis duonon, kaj nun oni petos iun el spektantoj helpi revolvi. Tiu laboro estis respondeca, por tio oni



*Ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

devis havi spertlertecon. Speciala stablo por revolvado de filmostrio oni devis turni tiel, por ke ne ŝiru ĝin kaj samtempe metu filmostrion streĉe. Apud muro de

klubejo ekstere oni ekfunkciigis motoron, kiu provizis per kurento filmoaparaton. Sono de ĝi estis kiel de mitralo, sed por kolektiĝintoj la sono estis dezirata muziko, se ĝi komencis funkcii, do ĉio estos bone – kino estos. Priparolado de tiuj detaloj estis agrabla preludo al komenco de filmo. Tio estis feliĉaj minutoj de mia vivo. Kaj jen venis longe atendita momento – el klubejo eliris homo kun biletoj kaj iris al budo kun malgranda fenestro. Ĉiuj saltleviĝis kaj kuris al la budo. Fariĝis grandega amaso. Komenciĝis interpuŝo. Homoj, kiuj ricevis biletojn, ne povis deiri de la kaso, amaso puŝis. Huliganoj kun sperto en tiu interpuŝo ne partoprenis. Ili elektis malgrandan knabon de ne alta staturo, balancis lin tenante je manoj kaj piedoj kaj ĵetis lin sur kapojn de amaso. La knabo laŭ kapoj atingis la kason, prenis biletojn kaj per sama vojo revenis. Tiu malordo daŭris dum duonhoro. Mi ĉiam miris, por kio oni aranĝis tian batalon, ja organizantoj ne indikis lokojn sur biletoj kaj vendis ilin tiom, kiom spektantoj aĉetos. Verŝajne tio estis anstataŭ pugnobatalo. Ja oni devis ien ellasi akumulitan energion. Mi ĉiam aĉetis bileton relative trankvile, fine, kiam apud la kaso restis kelkaj homoj. Bileto estis ĉielblua kvadrateto el kartono kun ia sigelo kaj subskribo de kasisto, spektanto tuj redonis ĝin al tralasanta al klubejo biletisto. Biletisto ne ŝiris biletojn, ilin oni uzis multfoje.

La klubejo estis longa griza traba domo kun ia pala afiŝo apud enirejo. Interne estis unu ejo tute plenigita per lignaj benkoj, kiujn oni alnajlis al planko. Ĉiuj muroj estis kovritaj per sloganoj kaj afiŝoj. Meze laŭ tuta plafono estis fleksita solivo. Al mi ĉiam ŝajnis, ke ĝi tuj rompiĝos, kaj plafono falos sur kapojn de spektantoj. Antaŭe sub plafono pendis ekrano. Ĝi estis kudrita el kelkaj litotukoj kaj ofte flikita. Dum prezento knaboj pafis al ĝi per memfaritaj infanaj pistoloj kaj ĵetis ĉion, kion estis en manoj, al malbonaguloj, malamikoj kaj banditoj. Tiam kinon oni akceptis ne kiel filmostrion kaj scenetojn sed reale okazantajn eventojn.

Halo tute pleniĝis. Post tiu oni enlasis malgrandajn knabojn de kvin-sep jaroj. Ili trapenetris al ekrano, sidis sur planko je dorso al muro kaj rigardis ekranon de inversa flanko trae. Ili sidis je duonmetro de ĝi, kion ili vidis? Unua vico ankaŭ sidis je metro de ekrano, oni devis spekti levinte kapon supren. Lastaj vicoj lokiĝis ĉirkaŭ filmoaparaton, kiu estis apartigita de la halo per ŝirmilo. Mi ne ŝatis sidi – malsupra parto de ekrano estis ne videbla pro kapoj de spektantoj. Ĝenerale estis malvaste, oni puŝis. Krom tio la fleksita solivo al mi ne plaĉis. Post muro de klubejo krakis la motoro, en la halo ĉirpis filmoaparato, sed tio malhelpis neniun. Halo plenigita per emocioj skuis malnovan klubejon. Ĝenerale montro de filmo estis terura. Ŝiriĝis filmostrio, aŭ ĝi enŝtopiĝis en filmoaparato, haltis kaj fandiĝis pro forta lampo, kaj en ĝi aperis truo. Oni miksis partojn kaj montris finon de iuj eventoj sed poste ilia komencon. Aŭ oni komencis montri nerevolvitan filmostrion, kaj ĉio sur ĝi moviĝis reen.

– Botistoj! Botistoj!* – halo kriis kaj piedbatis.

Ĉio haltis kaj oni komencis revolvadon de filmostrio. Tio estis ordinara, neniu pensis, ke oni devas montri filmon iel alie. Kun tiuj haltoj filmo daŭris longe. Kiam ĝi finiĝis, jam venis krepusko. El klubejo eliris amaso, kiu similis furiozajn frenezulojn. Svingante manojn kaj piedojn, ne aŭskultante unu la alian knaboj rerakontis unu la alian epizodojn de filmo. Kino finiĝis... Ne, ĝi ne finiĝis, ĝi daŭris en niaj kapoj, emocioj plenigis animon kaj koron. Ĉiuj, kaj mi, sentis sin kiel herooj de filmo. Ni estis feliĉaj kaj certaj, ke bono, kuraĝo kaj scipovo ĉiam venkas malbono.

**Botistoj* – *kutima insultaĵo en Rusio kontraŭ malbonaj kinomekanikistoj.*

*Esperantigis*
**Igorj Ĥomjakov**
**(Rusio)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto, Chongqing, 400023, Ĉinio
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊